# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 11/10/2018 Tricentnaŭdekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+klaku ??)*

**PMEGramatiko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*

** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 740,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 386,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 305,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 49,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 5 .



Esperanto ne havas, por sia gramatiko, eviteblajn esceptojn. Sed, same kiel en etnaj lingvoj, la naturo povas devigi Esperanton enhavi naturajn esceptojn, kiuj ĝenerale ne estas multaj. Jen la dek eblaj necesaj esceptoj: **1e**. Se sonkombinaĵo estas malfacile prononcebla, aŭ se okazas dusenceco, oni ne uzu ĝin, kaj devas serĉi alian kombinmanieron. Ekzemple la kombinoj "poŝtstampo" kaj " pentrtemo" kaj "postulo" estas tre malfacile prononceblaj aŭ dusencaj, kaj ni do devas uzi "poŝtostampo" kaj "pentrotemo" kaj "postven(ant)ulo". **2e**. Kelkaj vortoj, precipe prepozicioj, estas tiom mallongaj, ke se ili devas uzati kiel ĉefelemento en aglutina kunmetaĵo, ili ĉe la fino de la vorto ege malfacile rekoneblas, ekz. "La montsuro estas tre venta", kaj "La montsura vento". En tiaj kazoj oni devas malobei la regulon ke la ĉefelemento (= ":sur") venas laste, kaj do metas ĝin antaŭe: "La surmontejoi" kaj "La surmonta vento".



(daŭrigota). *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

https://www.maitlandriverlights.com.au/

Kontaktu:-Andrew

aspannenberg@iprimus.com.au

 aŭ 0422 015 430

Venu! Subtenu Esperanton

amike, *Andrew Spannenberg*




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# El Adelajdo

Sandor Horvath kaj Helen Palmer havis preskaŭ trimonatan feriadon en Eŭropo. Multe de ĝi temis pri Esperanto ( la UK , la Itala E-kongreso en San Marino), sed ankaŭ pri la revizito de iamaj samklasanoj, familianoj, iamaj studentoj.

Dum la oktobra kluba kunveno Sandor havis centon da bildoj por prezenti al ni kaj interesajn komentojn pri siaj travivaĵoj.

Surfote: Sandor Horvath, Andrew Woods, Indrani Beharry-Lall, Paul Desailly.



Amike *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Novaj plantoj en mia ĝardeno, belaj kiel novaj Esperantistoj.



## MIA INTELIGENTECO T E S T O .

Strangas la reago al mia artikolo de antaŭ du semajnoj. Du personoj reagis, kiuj akceptis mian verkaĵon tute serioze, nekomprenante ĝian ŝercan enhavon. Kvankam parto estis serioza, sed tamen ankaŭ en ŝercformo, la resto estis nur ŝercoj. Nature mi ne trovas ĉiujn Esperantistojn amindaj kaj belkarakteraj, kaj cetere tio neinteresiĝas por la aliaj Esperantistoj, kaj ne apartenas al mia publika vivo. Krome mi ne rajtas nek kapablas nek deziras mezuri la inteligenton de aliaj; tio ne estas parto de mia vivo. Cetere la inteligentoj malmulte diferencas. Kompreneble mi ne juĝas stultaj aŭ malkleraj homojn kiuj hazarde ne samopinias

kun mi pri gramatikaj aferoj; mi, kelkfoje nur, asertas ke pri kelketaj gramatikaĵoj homoj misjuĝas, kaj tiuj homoj pensas ke mi misjuĝas. Se mi pensas ke iu misjuĝas, mi nature provas pruvi, en miaj artikoloj, kial kaj kiel tiu misjuĝas. Krome mi lernas el tio. Kaj mi atendas ke tiuj kiuj asertas ke mi misjuĝas, same provos pruvi kial kaj kiel mi misjuĝas. Krome tiu interpruvado utilas nur inter specialistoj, ne la ordinaraj Esperantistoj. Do preskaŭ la tuto estis ŝercoj, escepte kie mi celis atentigi, kie iuj homoj laŭ mi misjuĝas nur unu parteton de la gramatiko de Esperanto. (Notu, ke mi regule faras similan ŝercon, parolante pri la inteligenta aŭ neinteligenta angla, franca, k.t.p. lingvo).

Strangas al mi, ke la du reagantoj ne komprenis mian sekan humoron. Verŝajne tiu seka humoro, nederlanda, aŭ almenaŭ amsterdama, estas tute fremda al francoj kaj hungaroj, kaj eble al anglosaksoj (sed certe ne al londonanoj!). Kvankam mi havas antaŭ mi leteron de alia hungaro, loĝanta en Adelajdo, kiu montras komprenon de miaj ŝercoj: mi citas la jenan parteton el tiu letero, datita la unuan de Decembro 2007: "Mi ŝatas – preskaŭ ĉiam- vian cinikan humoron. Jes, vi estas vivanta legendo. Kiam mi renkontis vin la unuan fojon dum la 90aj jaroj mi jam iomete sentis vian amon por nia ŝatata lingvo kaj vian varian historion. Vidante alian gramatikan libron, nature mi devis ĉiam demandi min, kiel vi povis verki ankoraŭ alian? Mi konfesas ke mi ne legis ĉiujn paĝojn, sed mi ankaŭ gardis viajn librojn kaj libretojn, kiam mi fordonis aŭ forĵetis du trionojn de miaj libroj". Mi esperas ke ankaŭ la plej multaj legantoj de A. E. komprenis mian sekan humoron. Kaj mi pardonas al la du reagantoj iliajn senbazajn akuzojn, ke mi sentas min esti dio kaj ke mi pensas ke mi ne povas fari erarojn. Sed mi ne povas forgesi tiujn dolorigajn falsajn akuzojn.

*Marcel Leereveld*.

## MELBURNO RIĈE PREZENTAS OPEROJN .

Mi tre bedaŭras por Vera, ke en Pertho ("Perto" troviĝas en Anglujo!) Vera ne povas vidi la multajn operojn kiujn mi vidas en Melburno. Ni havas kvar operokompaniojn, la Opera Australia, la *Victorian* Opera (tre populara!), la *Melbourne* Opera Cy., kaj ĵus starigita malgranda operkompanio. Ĉi tiun jaron O.A. jam prezentis tri operojn (*Traviata, Tosca, Don Quickshot*) kaj la Viktoria Opero prezentis tri operojn, kiujn mi ĉiujn vidis: *Pelle'as et Me'lisande, I Capuletti ed i Montagui de Donizetti kaj William Tell de Rossini*, longdaŭra kaj neniam prezentita en Aŭstralio, kaj kroman (nekonatan de Rossini) de la Melburna Operkompanio. En Novembro mi vidos *La Boh'eme, kaj Die Meistersinger von N"urnberg de Wagner*, seshora prezento de Opera Australia. Kaj tiu kompanio prezentos proksiman jaron sep operojn, por kiuj ĉiuj mi jam havas la biletojn (por mi kaj por mia filo kaj partnero kaj por tri genepoj). Krome mi regule iras al koncertoj, kaj en Novembro al prezento de *Andre' Rieu.* Mi bonŝancas loĝi en Melburno, ĉar mi ŝategas klasikan muzikon kaj operojn. Mi bedaŭras por Vera, sed almenaŭ ŝi povas vidi operojn en filmoj.

Marcel.

## SURPRIZA ĜOJA RENKONTIĜO ESPERANTISTA .

Ĵusan Dimanĉon mi havis la grandan plezuron (unuafoje) renkonti, neatendite, la filinon de bonaj geamikoj germanaj Christine kaj R"udiger Sachs. Ŝi vizitis Melburnon kiel parton de

tutaŭstralia vojaĝo. R"udiger jam forpasis, sed Christine vivas. Ni renkontiĝis en Melburno kaj en U.K.-oj. Li estis la unua eksterlandano (ekster Aŭstralio) kiu aĉetis mian gramatiklibron "Lingvaj Resondoj por ĝuste uzi Esperanton", tiam private eldonata de Don Broadribb (longtempa redaktisto de E.S.K.). Li tralegis, (estis antaŭ multaj jaroj), mian libron kaj skribis al mi, ke li tute samopinias kun miaj tezoj pri kelkaj malĝustaĵoj en la aplikado de la gramatiko de Esperanto. Jam antaŭ ol li legis mian libron, li verkis por montri la kelkajn erarajn uzojn de la gramatiko, kiel ankaŭ mi faris kaj faras. Mi havas antaŭ mi leteron lian, en kiu li montras sian malamon al unu el la monstraĵoj. Post tio li konkludas: "**Damne, kien estas iranta nia klara kaj senescepta Esperanto! Se la lando nomiĝas Francio, la enloĝanto estas franciano, kiu parolas francie kaj veturas per francia aŭtomobilo**". (lia letero de la kvina de Januaro 2001). R"udiger, kiu poste estis redaktisto de la Scienca Revuo, zorgis ke en ĝi aperis mia laŭda kaj plurfoje akre kritika recenzo ante al la Nova P.I.V. Li daŭre instigis min daŭrigi mian batalon por teni nian lingvon senescepta kaj logika kaj alperfektigi ĝin. Li profesie estis profesoro de malsanoj en tropikaj plantoj.

Ĝis revido, Martina! *Marcel.*

**REE: LA EŬROPA MALSANO EN ESPERANTO !**

Ree kaj ree mi avertas, ke la eŭropanoj ruinigas Esperanton per sia enkondukado de nenecesaj eŭropaj vortoj kaj per uzado de la Esperanta gramatiko laŭ eŭroplingvaj mallogikaĵoj. Nun venis, en A. E. n.ro 394, alarma voko de ĉino kiu plendas ke pro sia eŭropeco Esperanto estas tro malfacile lernebla por ĉinoj. 世界语

Kion fari? Pri tio en n.ro 396. *Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri helpo al Esperanto en Afriko vidu AE394

*François* dankas pro la publikigo de nia helpopeto. (vidu AE394)
Por ke ne estu miskompreno, kien la helpo iros, li petas precizigi, ke la celo estas subteni Esperanto-laboron kaj instruadon de infanoj en Lokassa, en Benino.
Antaŭdankon, amike, *Peter Weide*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Templo de Bona Volo (TBV), festos sian 29-an jariĝon.

La 21-an de Oktobro, la **Templo de Bona Volo (TBV)**, la senlime ekumena Templo de Legio de Bona Volo, kiu estas la plej vizitata monumento en Brazilja, ĉefurbo de Brazilo, festos sian 29-an jariĝon.

Koncerne al tio, ni esprimas ke ni tre ŝatus ricevi vian

**salutmesaĝon** direktatan al miloj da homoj (inter ili pluraj Esperantistoj), kiuj venos el tuta Brazilo kaj eksterlando. Mi klarigas, ke ĉiuj mesaĝoj estos diskonigataj per la Supera Reto Bona Volo pri Komunikado (radio, televido kaj interreto).

Do via salutmesaĝo certe estos vera donaco omaĝe al tiu grandioza festo por celebri Pacon ĉe la Templo de Bona Volo, ankaŭ konata kiel Templo de Paco aŭ Piramido de Lumaj Spiritoj.

Kun anticipa ega danko ni dediĉas al via homarama koro tiun ĉi eldiraĵon de la edukanto Paiva Netto: ***"Ekumenismo estas universala deziro vivi Pace".***

**Ĉeestu kun ni ĉiuj kore kaj anime!**

Plej bondezire, amike kaj frate, *Maria Aparecida da Silva*

https://goo.gl/qpQXLU [filmeto pri nia kora invito]
https://www.youtube.com/watch?v=e27VVivBw9I [filmo pri TBV]



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo atendos vin.



La 6a de Oktobro estis la unua Sabato. Venis Roger Springer, Martina Sachs-Bockelmann, Chris Holliss, Todd Tilton, Micheal Peters, Eunice Graham (sidante), kaj ne en foto John Casey. Martina estas vizitanto el Germanujo Kaj Todd estas duolinga lernanto el Manlio

*Roger Springer*

Mi estas Martina Sachs-Bockelmann vojaĝanta tra Aŭstralio momente. Mi loĝas ĉirkaū Bingen ĉe la Rejno, Germanio, kun mia edzo. Estas vinregiono de la Riesling kaj aliaj bongustaj vinoj. Ni havas tri infanojn kiuj intertempe finstudis kaj parte jam laboras. Do mi decidis liberiĝi de mia laboro dum unu jaro kaj vojaĝi. Fakte mi havas familianojn ankaū en Geraltono. Mi estas instruistino de fremdaj lingvoj, la hispana kaj la franca, ankaū instruas sporton en altlernejo.

Post vizito al la melburna grupo mi decidis renkonti esperantistojn en Sidnejo. Sabate, la 6an de oktobro, mi fuĝis la fiveteron de Sidnejo kaj trafis la faman pramŝipon Manlien por renkonti la esperantan grupon de Manly tie. Konatiĝis kun Rogero kaj la fidelaj membroj en kafejo tuj apud la haltejo. Post prezentado okazis eta leciono pri bazaj lingvoscioj. La grupo feliĉas pri la nova grupano Todd, kiu ĵus eklernis esperanton tra la interreta programo "duolingo". Mi varbis pri vojaĝeblecoj pere de Esperanto. Tiel fakte mi lernis pli flue paroli la lingvon en miaj studentaj tagoj.

Post la kunveno Rogero ĉiĉeronis nin tra sia domo kaj ĝardeno kaj ankaŭ la bela duoninsulo. Mi konatiĝis ankaŭ kun lia kara edzino. Multegan dankon.



Mia kuzo kiu loĝas en Sidnejo venis renkonti min poste tie por tagmanĝo. Mi feliĉas povi renkonti ankaŭ esperantistojn pli norde de Sidnejo ĉi tiun semajnon, poste mi daŭrigos mian vojaĝon al Novzelando por fari kvarsemajnan rondvojaĝon. Antaū ol reiri hejmen en fino de novembro mi restos dum sep tagoj en indiĝena komunumo.

Mi havos grandajn, belajn spertojn kun tre afablaj homoj. Spertoj kiuj restos en mia koro kaj helpos min repreni kun novaj energioj mian laboron en Aŭgusto 2019.

Korajn salutojn, *Martina* (Martina Sachs-Bockelmann)



**Ĉu Aŭstralianoj scias ke Aŭstralio povus militiĝi laŭ la kaprico de Ĉefministro?**

https://www.besureonwar.org.au/?utm_campaign=donate_awprlist&utm_medium=email&utm_source=besureonwar



**http:// www.besureonwar.org.au/act**

*Roger Springer*





# 12-a MEZORIENTA ESPERANTO-KUNVENO EN IRANO

dato: 28-31/03/2019 loko: Kaŝano - کاشان

Aliĝoj kaj informoj ĉe: mezorienta.kunveno@esperanto.org aŭ ĉe



https://uea.org/vikio/La_dek-dua_Mezorienta_Kunveno_en_Irano




Ĝenerala temo: *La Esperanto-movado en Meza Oriento kaj Centra Azio*

En la programo estas prelegoj en Kaŝano kaj ekskursoj al vizitindaj lokoj de Kaŝano kaj al Teherano.

Aliĝoj kaj informoj ĉe: mezorienta.kunveno@esperanto.org

*Renato Corsetti, renato.corsetti@gmail.com Londono, Britujo*



# Reago al la artikolo de Marcel



En la Aŭstraliaj Esperantistoj n° 394 Marcel skribas: *"Tiu normala vicordo estas deviga en etnaj lingvoj, sed en Esperanto oni povas kombini la kvar Frazpartojn en iu ajn vicordo. Tamen kutime la Esperantistoj uzas la normalan vicordon de la naturaj lingvoj. "*

Por kompreni la gravecon aŭ ne-gravecon de la ordo de la vortoj en frazo , mi preferas dividi la lingvojn inter tiuj, kiuj uzas deklinaciojn kaj tiuj, kiuj ne uzas deklinaciojn. Tio mem nuligas la ideon de "normala ordo" , ĉiukaze mi prefere dirus " plej ofta " vicordo. Fakte tio rilatas al la minimuma strukturo substantivo + verbo + rekta objekto , ĉar ankaŭ la uzo de prepozicio estas fonto de fleksebleco. Kia ajn estas la ŝanĝo en substantivo por indiki ĝian funkcion, tio sufiĉas por ebligi flekseblecon de la ordo de la vortoj. En la lingvoj sen deklinacioj la ordo mem estas gramatika marko, do nepre fiksita.

Kiam mi lernis Esperanton, mia instruisto -ne Marcel- enkondukis la akuzativon de la rekta objekto, emfazante la superecon de Esperanto pro ĝia fleksebleco dank' al la akuzativo, kio donis la impreson,ke la ordo de vortoj en Esperanto estas tute libera . Tamen la pozicio de la vorto foje tre gravas, ekzemple se temas pri partikuloj kiel ankaŭ :

ankaŭ mi studas gramatikon     mi ankaŭ studas gramatikon     mi studas ankaŭ gramatikon

ne havas la saman signifon. Mia konkludo estas ke tre malfacilas paroli **ĝenerale** pri lingvaj sistemoj, ankoraŭ pli malfacilas kompari ĉiujn lingvojn samtempe.

Amike *Franciska Toubale*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 18 En kiu mi malsaniĝas kaj ĉesas labori



En mia deka jaro en la porinfana malsanulejo ekdoloris en mia dorso. La doloroj fariĝis tagon post tago neelteneblaj. Subite mi ne plu povis supreniri laŭ ŝtuparoj, kaj iom post iom mi eĉ ne povis piediri. Mi devis regule iri al kiropraktikisto, kiel ankaŭ al fisioterapisto. Sed tiuj du sinjoroj ne sciis unu pri la alia, ĉar tiam la du kuracistoj ne amis unu la alian!

Finfine finiĝis la unuaj dek jaroj en la malsanulejo, kaj mi ricevis tri monatojn da ferio, kun salajro. Mi sidis hejme Esperanton legante, sed eĉ tio ne mildigis la dolorojn. Kelkajn tagojn doloris ne nur en la dorso, sed ankaŭ en la kruroj. Necesis ke mi iru ankaŭ al ordinara kuracisto, kiu sendis min al specialisto en la memoriga malsanulejo, tuj apud mia laborejo, la porinfana malsanulejo.

Nu post kelkaj rentgenaj ekzamenoj oni konstatis, ke la kartilago inter kelkaj vertebroj en la vertebraro preskaŭ tute mankas. Oni operaciis, doloris eĉ pli post la operacio, sed semajnon post semajno ĉio pliboniĝis.

Post kiam mi iomete povis piediri, mi kune kun Audrey iris al la laborgvidanto, tiel nomata portistestro en mia malsanulejo, kaj diris al li, ke mi neniam plu revenos por labori. Bone, eĉ bonege ktp. ĉu ne ? Oni pagis al mi multege da mono, kaj fine mi komencis ĝui la vivon en Aŭstralio.

Kiam organizata estis la Universala Kongreso en Adelajdo, tiam kelkaj el la planoj ŝajnis tro infanecaj, kaj post la Universala Kongreso Makso forlasis nin. Tion ni ankoraŭ bedaŭras, sed li almenaŭ ankoraŭ daŭrigas la instruadon al kelkaj el niaj membroj, kaj ili estas tre dankaj al li pro tio !

Tiam venis tre  entuziasma moŝto al nia rondo. Li estis Oveno. Li sciis kion fari, kaj tion li faris. Li studis fervore nian lingvon, jaron post jaro, kaj komencis mem instrui. Li iris al tiom da komunumejoj en Adelajdo, kaj instruis. Fakte danke al li ĉiu adelajdano devus nun scii, kio estas Esperanto. Estas fakte danke al li, ke ni nun povas renkontiĝi en la komunumejo, 176 Tynte Street, Nordadelajdo. Sed Oveno neniam iras tien, ĉar laŭ li ni ne sufiĉe rapide laboras, kaj li forlasis nin. Ni poste aŭdis, ke li eklernis la ĉinan lingvon, kaj iom poste komencis instrui la anglan al ĉinaj enmigrintoj. Bedaŭrinde ni nur tre malofte vidas tiun geniulon nuntempe !

*Daŭrigota* *BobFelby*





**3ZZZ** Lundon , la 1an de oktobro 2018 vizitis la radiostacion gasto el Germanujo, Martina Sachs - Bockelmann. Aŭskultu la neordinarajn spertojn de Martina, krom diversaj informoj pri la mondo esperanta kaj ekster Esperanto . Raportas la kunvokanto de la grupo,

Nun venis la tempo de radiotono en la radio 3ZZZ. Nia grupo ne povas vivi sen viaj donacoj . Do bonvolu

sendi monon tiel ke la elsendoj en Esperanto daŭrigu. Eblas donaci per la retejo de la radio www.3ZZZ.com.au nepre menciu ke la mono devas iri al la Esperanto grupo , kaj samtempe sendu mesaĝon al Heather Heldzingen ( erikino.48@gmail.com) por avert ŝin . Heather anstataŭas Henry Broadbent kiel kasistinon. Eblas telefoni ŝin je la numero 03 9525 42 95

La teamo antaŭdankas vin pro via subteno La kunvokanto *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

LA 104-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN LAHTIO

Esperanton maailmankongressi 2019 – Esperanto-världskongressen 2019

104-a UNIVERSALA KONGRESO de ESPERANTO LAHTIO–FINNLANDO 20–27 julio 2019

# #LAHTIO2019

La 104-a Universala Kongreso de Esperanto (20-27 de julio 2019) okazos en la progresema kaj naturamanta finnlanda urbo Lahtio (Lahti). Por trovi oficialajn informojn pri la plej grava Esperanto-evento de 2019, ni invitas vin noti la adreson kaj regule viziti la retpaĝon de la LKK:

- http://www.esperanto.fi/uk2019

Vi povas ankaŭ sekvi la evoluojn rilatajn al la UK ĉe sociaj retejoj:- oficiala Facebook-paĝo: https://www.facebook.com/Lahtio2019-

oficiala YouTube-kanalo: https://www.youtube.com/channel/UC0rvzTsk3NtsCcgCqĝc2vA

- Twitter: https://www.twitter.com/lahtio2019?lang=fi
- Instagram: https://www.instagram.com/uk2019lahtio
- Esperanto en la regiono de Lahti: https://www.facebook.com/esperantolahti

Ŝatu, dividu kaj ne timu marki viajn afiŝojn, pensojn, atendojn kaj ankaŭ demandojn uzante la kradvorton #Lahtio2019 - ni antaŭfestu nian 104-an UK-on! Por komenci, kial ne spekti tiun simpatian bonvenigan filmon de niaj organizantoj: youtu.be/5EFOVs-PDkg - Jes, bonvenon al Lahtio!

**Aliĝu** per la reta aliĝilo: https://uea.org/alighoj/uk_alighilo

Atentu kaj atentigu viajn konatojn: la plej favorpreza aliĝperiodo daŭros ĝis la 31-a de decembro 2018. La kotiztabelon vi povas trovi ĉe la retpaĝo de UEA: https://uea.org/alighoj/uk_kotiztabelo

Fine ne forgesu, ke plej multe ŝparas la individuaj membroj de UEA kaj TEJO, ĉu bazaj aŭ abonantoj. Do nepre (re)aliĝu por ne mistrafi la plej favoran kotizon: uea.org/alighoj/alighilo2019 Informis AEon *Kataj Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ALIĜFORMULARO

*registration form*

ankaŭ havebla rete ĉe:
aea.esperanto.org.au/kongreso
*also available online at:*
*aea.esperanto.org.au/congress*

Antaŭnomo ______________
*first name*

Familia nomo ______________
*surname*

Adreso ______________
*address*

______________

______________

Telefono ______________
*telephone*

Poŝtelefono ______________
*mobile*

Retadreso ______________
*email*

Specialaj manĝbezonoj ______________
*special dietary requirements*

______________

Mia kontribuo al la programo ______________
*my contribution to the program*

______________

______________

Demandoj aŭ komentoj ______________
*questions or comments*

______________

______________

Bonvolu respondi frue por ke ni povu finaranĝi la loĝadon. Anticipan dankon.
*Please respond promptly so that we can finalise the accommodation. Thanks in advance.*

Se vi deziras ke viaj detaloj ne aperu en la kongreslibro, bonvolu informi nin.

# KONGRESEJO

*congress venue*

Seymour College
546 Portrush Road
Glen Osmond SA 5064

# INSTRUISTOJ

*teachers*


Szabolcs Szilva

*Szabolcs Szilva is a Hungarian living in Warsaw, Poland. He has taught Esperanto in 8 countries. Other levels will be taught by world famous Esperanto author Trevor Steele and experienced teacher Franciska Toubale.*

Szabolcs Szilva estas Hungaro loĝanta en Varsovio, Pollando. Li instruis Esperanton en 8 landoj. Aliajn nivelojn instruos mondfama Esperanto-aŭtoro Trevor Steele kaj sperta instruisto Franciska Toubale.


Trevor Steele


Franciska Toubale

# SPECIALA GASTO

special guest

EKDE TIAM

Ekde Tiam, nova duopo el Melburno, ludos energian alternativan muzikon tute en Esperanto.
*Ekde Tiam, a new duo from Melbourne, will play energetic alternative music completely in Esperanto.*



# AŬSTRALIA KONGRESO DE ESPERANTO 2019

kongreso de esperanto
kaj somerkursaro

*Esperanto congress and summerschool*

**4-13 Januaro, 2019**
*Adelaide, 4-13 January 2019*

# ADELAJDO

**ESPERANTO**
**THE INTERNATIONAL LANGUAGE**


AŬSTRALIA ESPERANTO-ASOCIO

# PROGRAMO

## por esperantistoj kaj lernantoj

- Klasoj de Esperanto je tri niveloj
- Vespero de teatro kaj muziko
- Ekskursoj
- Babilado, ridado
- Prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj
- Jarkunveno
- Amikiĝo, planado

La unua ero estos vespera kunmanĝo vendredon 4 Januaro; la lasta ero estos matenmanĝo dimanĉon 13 Januaro.

Bonvolu konsulti aea.esperanto.org.au pri ĝisdatigo de eventoj, kaj kontaktu Heather, se vi volas kontribui al la programo: erikino.48@gmail.com aŭ +61 (0)3 9525 4295

# PROGRAM

## for esperantists and learners

- Esperanto classes in three levels
- Evening of theatre and music
- Excursions
- Lectures about Esperanto and other topics
- Conversation and laughter
- Annual General Meeting
- Making friends, planning

The first event will be an evening dinner on Friday 4 January; the last event will be the breakfast of Sunday 13 January. Please visit aea.esperanto.org.au for updates to events.






**The international language, Esperanto:**
***the simplest language to learn!***

Esperanto is a constructed language, developed in the late 1800s to be an easy to learn second language for everyone, allowing easy and equitable international communication. It is now spoken in over 100 countries thoughout the world, and attracted 400,000 new speakers in its first year of being available to learn on Duolingo! Use it to travel the world, make friends from diverse cultures, or as a kick-starter for more difficult languages.

The Esperanto congress and summer school is our biggest annual event. It gives you the chance to learn or improve your Esperanto in a classroom setting with an experienced teacher, practise informally with other Esperanto speakers from around the world, learn about other cultures, make new friends, and explore the host city with local guides. For more information visit our website: aea.esperanto.org.au

**LERNU:** lernu la internacian lingvon, Esperanto, aŭ plibonigu vian vortprovizon

**ESPLORU:** estu gvidata al la vidindaĵoj de Adelajdo

**AMIKIĜU:** trovu novajn amikojn el la tuta la mondo

**LEARN:** learn the international language, Esperanto, or improve your vocabulary

**EXPLORE:** be guided around the sights of Adelaide

**BEFRIEND:** find new friends from around the world

| | (plenkreskulo/studento) *(adult/student)* |
|---|---|
| Aliĝkotizo *registration fee* | AUD$250/$150 |
| Loĝado & manĝoj[1] (tage) *accommodation & meals[1] (per day)* | AUD$85 |
| Tag-vizitantoj: aliĝkotizo (tage) *day-visitors: registration fee (per day)* | AUD$40/$15 |
| Tag-vizitantoj: manĝoj[2] (tage) *day-visitors: meals[2] (per day)* | AUD$35 |

[1]Inkluzivas ĉambron & tri manĝojn tage *includes room & three meals per day*
[2]Inkluzivas tagmanĝon kaj vespermanĝon *includes lunch and dinner*

Infanoj malpli ol 16-jaraĝaj, akompanate de plenkreskulo, aliĝas senpage
*Children under 16 years of age, accompanied by an adult, participate for free.*

| | $ |
|---|---|
| Loĝkostoj dum ______ noktoj *accommodation for # nights* Datoj: ___/___/___ ĝis ___/___/___ *dates until* | |
| Aliĝkotizo *registration fee* | |
| Donaco *donation* | |
| Sume *total* | |

Sendu tiun ĉi formularon kune kun ĉeko al:
*Send this form with cheque made out to:*
"Melburno Esperanto AEA A/C"
Australian Esperanto Assoc.
C/- GPO Box 2122, Melbourne 3001

aŭ ĝiru en la konton de AEA:
*or bank deposit to the AEA account:*
Commonwealth Bank
BSB: 064 433 Account No: 00946975